ROK XXVI.
LIPIEC 1932.
N-r 7.




JARO XXVI.
JULIO 1932.
N-o 7.

Kraków. Enirejo al la arkada korto de Wawel.

# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW
ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34
REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ
REDAKTOR ODPOWIEDZIALNY: JULJUSZ KRISS.

**PRENUMERATA:** rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.

**ABONO:** jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—

Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Eksterlande jarabono — 1 dolaro.

Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.

| OGŁOSZENIA: | | ANONCOJ: | |
|---|---|---|---|
| 1 strona | Zł. 60·— | 1 paĝo | Zł. 60·— |
| 1/2 strony | „ 32·— | 1/2 paĝo | „ 32·— |
| 1/4 strony | „ 17·— | 1/4 paĝo | „ 17·— |
| 1/8 strony | „ 10·— | 1/8 paĝo | „ 10·— |

**PRZEDSTAWICIELE — REPREZENTANTOJ.**

**Katowice:** Soc. de Esper. Amikoj, Wawelska 3.
**Paryż:** S. Grenkamp, Paris 6. 4 rue de Vaŭgirard.
**Warszawa:** Pola Stud. Esperantista Societo, Leszno 99. m. 5.



**WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!**

**Atentu!** Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".
Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—.
Enpagu tuj ĝe nia PKO. Konto 406.660.

**Simpatiaj gesamideanoj el RADOM deziras korespondi per ilustr. p. k.:**

F-ino R. Gutman, lernantino, Rwańska 8.
F-ino T. Bojman, tajlorino, ul. Mleczna 6.
F-ino R. Szepsman, adreso ĉe Bojman.
F-ino Ewa Fuks, ul. Ciasna 10.
F-ino A. Heller, en hejmo, ul. Narutowicza 40.
S-ro H. Weintraub, ornamajisto, Żeromskiego 18.
S-ro J. Tajblum, ul. Żeromskiego 98.
F-ino Bergman, vendistino, Spacerowa 4.
Respondo garantiata.

**DO P. T. CZYTELNIKÓW!**

**Upraszamy uprzejmie P. T. Czytelników o załączenie znaczka pocztowego na odpowiedź, przy wszelkiej korespondencji, zarówno redakcyjnej jak i administracyjnej.**

# XXVI
# JARKOLEKTO
# JARO 1932.

# POLA ESPERANTISTO



# ESPERANTYSTA POLSKI

# XXVI
# ROCZNIK
# ROK 1932.

WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ

REDAKTOR ODPOWIEDZIALNY: JULJUSZ KRISS.

# ENHAVO DE LA JARKOLEKTO 1932.

1. Artikoloj originalaj: Paĝoj

# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

| ROK XXVI JARO | KRAKÓW<br>LIPIEC 1932 JULIO | Nr. 7 Nr-o |
|---|---|---|



DRO EMIL SCHINAGEL (Kraków).

## LA RESPUBLIKO DE INFANOJ.

Ekstaru sur elektita terpeco Domo de Infanoj, kien kunveturiĝos la infanoj de la tuta mondo. Diverslingvaj infanoj ludu kune, sed ili ludu ne per sabroj, ne per stanaj soldatetoj; ili edukiĝu kune, kaj ni kreu tiel eksperimenton unikan en sia maniero: „La Respublikon de Infanoj".

Svisujo, la sidejo de la Ligo de Nacioj, taŭgas plej bone por tiu celo. Mi estas certa, ke kiam la Ligo de Nacioj aprobos la Societon de la Respubliko de Infanoj, tiu ideo trovos resonon en ĉiuj kulturaj socioj de la mondo. Ĉiuj pacifistaj kluboj, la Ligo por Defendo de Homaj Rajtoj, La Virina Ligo, la Ligo por Batalo Kontraŭ Rasa Malamo, aliĝos al propagandado de tiu ideo; ne ekzistus en la mondo verkisto, kiu ne oferus sian plumon por propagando de tiu penso.

La Esperantistoj, kiuj formas unu grandam familion, aliĝos antaŭ ĉiuj, dezirante Esperanton kiel lingvon regantan en tiu Respubliko de Infanoj.

Kion valoras, ke ni scipovas flugi en aero, se ni ne povas atingi tion; se iu jam tiel amas la maŝinon, ke li oferas sian energion, sanon kaj havaĵon, por teknikaj akiraĵoj, kion li atingas? La maŝino absorbas multe da mono, povas detruiĝi en unu sekundo — malsuprenfalas, kaŭzas morton de homoj kaj materialajn perdojn. Se ni tamen okupiĝos per la infano, kaj al ĝi dediĉos nian tutan fervoron, nian aktivecon, ni havos dankeman celon pozitivan, kaj ni povas nur atingi pliiĝon de la kapitalo. Ni riĉigos la homan kulturon je interesa eksperimento, ni donos al la mondo gravan postenon de pacifismo, ni povas plibonigi la estadon de centoj kaj miloj da infanoj — kaj eble tiuj infanoj estos vere feliĉaj....

Se ni okupiĝas per kulturo de floroj kaj bestoj, se ni faras ekspoziciojn por montri la plej bonajn objektojn, kial do ni ne organizu montradon de la plej interesa, plej bela kreaĵo — La Homo?!

Imagu al vi, ke por unu milionono da tiu kapialo, kiun la homoj investas en tankoj, bombardiloj kaj militaj gasoj, oni povus starigi belegajn konstruaĵojn, ĝardenojn, grandan kolonion, kaj tie loki infanojn de diversaj mondpartoj; ĉirkaŭigi tiujn infanojn per ĝusta zorgo, kaj nuligi per tio tiom da homa mizero, sufokiĝanta per la favoro de nedeziritaj prote-

ktantoj, aŭ en mizeraj orfejoj, en infanaziloj, ĉe grumblemaj, maljunaj onklinoj, aŭ malsaĝiĝintaj avinoj. Tien havus enirpovon la orfoj de ĉiuj landoj, nelegalaj infanoj, la forlasitaj, la nedeziritaj, la infanoj de gepatroj, kiuj malbone zorgis pri ili, la infanoj de tro nombraj familioj...

Eble el tiu Respubliko de Infanoj blovus alia spirito sur niaj politikaj sistemoj; eble el la vicoj de tiuj infanoj elkreskos homoj, starantaj super nia mezuro.

Post jaroj disvolviĝus tie fakaj kaj esperantistaj lernejoj de ŝanĝita tipo, en kiuj laborus la plej eminentaj pedagogoj de tuta mondo. La homo tiamaniere kreskigita kaj edukita en medio tiel diferenca, socie sed ne nacie, ne sur la kartoj de la sanga historio, sed sur la rezultoj de la kulturo, certe formus tipon tute diferencan de nia Eŭropano. La rezultoj, tiamaniere atingitaj, povus grandstile helpi al la ŝanĝo de niaj opinioj je la edukado kaj instruado...

Kompreneble, ke la edukitoj de la Respubliko de Infanoj forlasus iam la limojn de sia ŝtato, ili eklernus fremdajn lingvojn, ili ensorbiĝus en aliaj sociaj organismoj, ili restus tamen spirite ĉiam ligitaj al sia Respubliko de Infanoj, kaj ĵus ĉi tie komenciĝus nova etapo de interesaj observadoj. Kiamaniere reagus tiuj homoj kaj kia estus ilia vidpunkto rilate al la diferencaj sociaj problemoj?

Kaj generacio post generacio de tiuj Respublikoj de Infanoj ĉu ne estus disvastigantaj je iliaj proksimuloj la kulturon ensorbitan dum la infaneco, ĉu ili cedus antaŭ la novaj fluoj, ĉu restus en kontakto kun iliaj gefratoj de unu granda familio — la Respubliko de Infanoj? — Eble ili fariĝos pioniroj de nova ideo de kunvivo inter la nacioj.

La sorto mem de tiuj homoj, ĉu ne estus montrilo de familia edukado de ĉiuj naciaj nuancoj, eble tien kondukas la vojo al la pacifismo, al amo, al kulturo.

Okazis iam migradoj de nacioj, la milito estis unu el tiaj migradoj... kaj nune infanoj el diversaj landoj, vizitiĝus en tiu neŭtrala posteno — en la Respubliko de Infanoj.

Inter Francujo kaj Anglujo ekzistas kutimo, ke familioj interŝanĝas infanojn dum la libertempo por lernado de la lingvo. Tiun ĉi kutimon oni povus do plilarĝigi — la granda Respubliko de Infanoj estus gastema kaj akceptus por ripozo infanojn el diversaj landoj. Okazus migradoj de la infana nacio, kaj tiamaniere ekaperus denove multaj eblecoj; plenumiĝos la revoj de multaj geknaboj, kaj kiel influos la homojn la efektivigo de iliaj fabeloj?...

Tiamaniere de la praktikaj okupoj ĝis la scienco kaj arto ekformiĝus ĉeno de novaj eblecoj. En tiu medio efektiviĝus la internacia teatro, la esperantista teatro. Tiu medio devas ekesti la elirejo kaj la ŝirmloko de nova arto internacia.

Ĉi tie ĉerpus sociologoj materialon por siaj observadoj. Ĉi tie devas ekstari akademio por studado de antropologiaj kaj sociologiaj problemoj. El tie radios la pacifista movado, ĉar tie devas troviĝi la akademio de paciĝo de la mondo, kies prelegantoj estos: Wells, B. Shaw, Romain Rolland, Barbusse k. m. a.

Tie devas troviĝi la stacio por eŭgenikaj studadoj kaj tie forĝiĝos observacioj, kiuj servos iam al la ideo de alproksimiĝo de la popoloj.

Per kreo de tia medio per kunvivo de diversaj nacioj efektiviĝas antaŭ la okuloj de la skeptikuloj la ebleco, kiun atendas — en revita perspe-

ktivo de Wells — la tuta homaro. Kaj ĵus la realigo de tiu ĉi embrio de libera homaro, rase diferenca, turnos la okulojn de la tuta mondo al tiu unu punkto; donos pli fortan bazon al la ideo de la pacigo de la mondo. Tiu vivokapabla socia ĉelo fariĝos pupilo de ĉiuj nacioj, kies manplatoj renkontiĝus — la unuan fojon — super la animo kaj korpo de la infano: tiu plej viviga kaj plej efektiva interligo.

Mi proponas do:

1. Fondon de internacia unuigo de la „Respubliko de Infanoj".
2. Adresadon de memorialo en la afero de la Respubliko de Infanoj al la Ligo de Nacioj, por ke ĝi prenu la protekton de tiu posteno de tuthomara, kultura, kaj pacifista signifo.
3. Direktigon de konvenaj memorialoj al la apartaj registaroj, por atingo de subteno en tiu agado.
4. Interesigon de la gazetaro, kaj malfermon de enketo je la temo de la eblecoj por la efektivigo de la Respubliko de Infanoj, enketo en kiu partoprenus la sociologoj, pedagogoj kaj kuracistoj.

Tradukis el pola lingvo: **Mela Sternbergowa** (Kraków).

# LA PLEBISCITO — UTOPIO?

La projekto de adreskolektado en tuta Polujo por krei materialon resp. volumojn de simpatiantoj al nia afero, sendube estas bonega, moderna kaj — grandioza.

Mi konsentas, ke per la amasa — bone organizita — adreskolektado ni kontaktiĝos milionojn da homoj kun Esperanto. La gazetaro skribos pri Esperanto, la homoj ekatentos, parolos pri ni, multaj ekinteresiĝos, enskribos sin en kursojn. La movado revekiĝos, pligrandiĝos. Unuvorte — laŭ propaganda vidpunkto — la afero alportos eksterordinarajn rezultojn.

Tio estas tiu flanko, pri kiu oni — ŝajne — malmulte konscias, kaj kiu aportos plej videblajn fruktojn.

Tamen — aliflanke — se ni rigardos la rezultojn, kiujn atingos la adreskolektado mem, la nombron da kolektitaj subskriboj — ni vidos, ke ili eĉ dekone ne atingos niajn dezirojn kaj supozojn.

Malgraŭ ke en unu el la lastaj artikoloj en Pola Esperantisto oni skribas, ke ni ne prikalkulu anticipe la nombron de la kolektotaj subskriboj, ke ni simple kolektu, kiom ni povas — mi opinias, ke ni devas vidi nepre klare, kiaj estas la ŝancoj kaj kiom da voĉoj entute ni povos gajni. Ĉar se jam anticipe montriĝos, ke la prikalkulita nombro ne sufiĉos por prezento en la ministerio, ni ne perdu nian tempon, sed ŝanĝu la projekton laŭ la novaj bezonoj aŭ turnu niajn fortojn en alian direkton.

Antaŭ ĉio estas pura utopio, se ni en troa optimismo esperas pri 5.000.000 da subskriboj. Mi ripetas, ke tio estas tuta neeblaĵo. En nia Polujo kun ĝiaj 32 milionoj da loĝantoj ekzistas entute nur 16 milionoj da voĉdonrajtigitoj (49—50%). El tiuj 16 milionoj loĝas 73% sur la kamparo, do en la urboj loĝas nur 27%, t. e. ĉ. 4.400.000. Laŭ mia opinio ni povas kalkuli nur pri la loĝantaro en la urboj, ĉar nur en la urboj ni havas pli grandan Esperanto-movadon. Do ĉi tiu hommaterialo de 4½ milionoj povus esti la bazo por nia laboro — se en ĉiuj 636 urboj de Polujo ekzistus laboremaj Esperantistoj.

Sed nun ni mezuru niajn fortojn kaj rigardu la situacion, kia ĝi estas en vero. Oni povas paroli pri Esperanto-movado nur en tiuj urboj, en kiuj ekzistas aktivaj Esperantistoj, do en urboj havantaj almenaŭ UEA-delegiton. La loĝantaro de tiuj ĉi 74 lokoj estas ĉ. 4.800.000, do voĉdonrajtigitoj ĉ. 2.400.000.

Ne konante la cirkonstancojn kaj la forton de la movado en la aliaj urboj, mi povas juĝi nur laŭ mia urbo Bydgoszcz. La movado ŝajnas al mi ĉi tie bone organizita — tamen ĉe plej sistema laboro ni povos atingi en Bydgoszcz verŝajne ne pli ol 5.000 subskribojn, t. e. apenaŭ 8% de la voĉdonrajtigitoj.

Ni estu grandaj optimistoj kaj supozu, ke en ĉiuj aliaj urboj (indikitaj en la UEA-jarlibro) estas same bona movado, kaj ni kalkulu 8%! Tiam ni ricevos la finfinan sumon de 192.000 voĉoj, do kun la aliaj izolitaj voĉoj ĉ. 200.000.

200.000! Kie restas la 5 milionoj? Kaj ĉu vere Warszawa donos al ni la necesajn 50.000 voĉojn, kiuj estas entenitaj en tiu ĉi sumo? Ĉu 200.000 estas granda aŭ malgranda sumo? Ĉu per tiu sumo ni povos imponi al la ministerio kaj atingi ian konkretan rezulton?

Ĉu ni povas kredi, ke en ĉiuj urboj oni egale laboros? Mi asertas, ke ni estas grandegaj optimistoj, se ni kalkulas eĉ pri tiuj 200.000 subskriboj.

Bone, ni estu tiaj optimistoj. Sed ĉu ni konscias pri la giganta laboro farota por kolekti tiujn 200.000? Por atingi tian rezulton ni devos havi nervojn el ŝtalo kaj — monon. Teorie ĉio aspektas mirinde. Sed en la praktiko mi vidas kolosan laboron antaŭ ni. Mi ne povas imagi al mi, ke la dormemaj Esperantistoj subite eklaborus kvazaŭ freneze kuregantaj formikoj!

Tamen ni estu nun optimistoj kaj disvolvu la planon. Kiel ni aranĝus ĝin ekzemple en mia urbo?

1) Ni redaktus en pola lingvo alvokon, en kiu ni klarigus la plebisciton, samtempe donante utilajn informojn pri Esperanto.

2) Tiun alvokon subskribu krom la Esperantaj organizaĵoj kiel eble plej gravaj personoj loke konataj, ekz. urbestro, starosto, redaktoroj, pastroj, profesoroj ktp., aŭ eĉ se iel turaj, profesiaj kaj fakaj organizaĵoj. Tiujn gravajn personojn kaj organizaĵojn (lokajn!) la Esperantistoj devus kapti en personaj aŭdiencoj.

3) Ni presus tiun alvokon kune kun la akiritaj subskriboj de gravaj personoj kaj organizaĵoj (kiuj tiamaniere ŝajnas aktive subteni nin kaj donas al la tuta afero nimbon de oficialeco). Krome ni presus en la sama kvanto oficiale aspektantajn formularojn kun surkapa malgrande presita teksto de plebiscitdeklaro kaj rubrikoj: nomo, profesio, aĝo, adreso, propramana subskribo por subloĝantoj.

4) Tiujn alvokojn kun la formularoj oni portus en ĉiujn loĝejojn de la tuta urbo laŭsisteme straton post strato. Oni samtempe anoncus en la alvoko, ke la folioj estu plenigotaj en daŭro de kelkaj tagoj. Tiam specialaj rajtigitoj reprenos la plenigitajn foliojn, klarigante ion nur en okazo de neceso.

5) Per la gazetaro oni plurfoje atentigus pri tiu ĉi plebiscito kaj admonus al subskribado.

Estas komprenneble, ke oni devas havi la polican permeson aranĝi tian aferon. La disportadon de la folioj devas fari laŭeble samideanoj

senlaboraj, kiujn oni devus rekompenci por tiu laboro el la kaso de la lokaj Esperanto-kluboj.

Kiel mi prikalkulis, la elspezoj en Bydgoszcz por presaĵoj kaj kolektado estos ĉ. 500—600 zł. Do ĉiu akirita subskribo kostos ĉ. 10 groŝojn.

Estus nun interese aŭdi kiel imagas la Esperantistoj de la aliaj urboj la kolektadon de tiuj subskriboj. Antaŭ ĉio mi demandas la Varsoviajn Esperantistojn pri iliaj spertoj, same la Krakovajn kaj Lodzajn samideanojn, kiuj jam komencis kolekti.

Resume mi ripetas: mi ne kredas, ke sufiĉos kolekti subskribojn inter siaj geamikoj, parencoj kaj konatoj, sed nur per sistema, bonege organizita kolektado ni atingos eble tiujn 200.000 subskribojn. Sed ĉu ni estas kapablaj kaj sufiĉe riĉaj por efektivigi tian sisteman kolosan laboron — tion respondu aliaj homoj pli optimistaj ol mi. Mi ne kuraĝas...

**Edmund Fethke.**

# PLEBISCITO POR ESPERANTO.

Kiel oni povas praktike, eĉ profite, utiligi ankaŭ tiun aferon, tion montru la sekvantaj linioj. Dum la subskribkolektado okazos ofte, ke la subskribinto diros: „Mi volonte lernus esperanton, sed mi ne havas okazon, aŭ, mi ne scias, kiun libron uzi, aŭ, mi volas partopreni en kurso“. Tio estos speciale ĝojiga okazo, kaj kie oni povas aranĝi tiajn kursojn (ev. en aŭtuno), tuj la kolektanto notu la precizan adreson de la emulo, por povi sciigi lin poste antaŭ la komenco de tiu kurso.

Kie ne estas instrukapabla persono, tie oni invitu al skribaj kursoj, kiujn P. E. D. aranĝos, aŭ ĝi komisios tiurilate iun kapablan samideanon kaj diskonigos, propagandos ties adreson. Se iu deziros aĉeti esperanto-lernolibron, tuj la kolektanto aŭ vendu ĝin, aŭ donu la precizan titolon de ĝi, sciigu la prezon kaj vendejon.

Nepre oni invitu lojale **ĉiun** subskribinton **post** ricevo de la subskribo al ia esperanto - kurso kaj ev. vendu al li „ŝlosilon“, (ĝi ja estas tre malkara), kiujn ĉiu kolektanto devas ĉiam havi ĉe si. Tiel disvendiĝos tre multaj esperantaĵoj. Tio helpos ankaŭ propagandi! Ĉar la kolektantoj aŭ esperanto - grupoj aĉetos ilin je rabatitaj prezoj, ili havos eĉ monan profiton. Ju pli lerta la aganto estos, des pli grandan profiton li havos. Tiel estos kontentaj ne nur nia movado, sed ankaŭ la viglaj kolektantoj, librovendistoj, gvidantoj de skribaj kursoj, kaj ĉiuj kunlaboras tre volonte! Por ke la afero sukcesu ĝustatempe, P. E. jam nun provizis la necesan kvanton da ŝlosiloj kaj atendas nun la mendojn de la grupoj kaj izolaj samideanoj. Kiu ankoraŭ ne havas la subskriblistojn (po 5 gr.), tiu tuj mendu ilin kaj prenu ev. kelkajn lernolibrojn por vendo. Pri la skribaj kursoj baldaŭ venos sciigoj. **Neniu prokrastu,** ĉar prokrastante oni jam ekfiaskas. Ĉe tia aranĝo de la afero nun ĉiu el vi, karaj gesamideanoj, scios, kion li nepre faru. Eĉ tiuj, kiuj ĝis nun ne sciis, kiel helpi en la movado, jen havas klaran facile plenumeblan taskon. Tralegu la konsilojn, kiuj estas en mia maja artikolo, kaj eklaboru.

Ĉiu komencu tuj kaj vi ĝojos pri la konkretaj fruktoj de via laboro, ĉar ĉiu akirita subskribo estos sukceso kaj entuziasmigos vin. — Mi jam en la marta numero diris, ke oni traktu la aferon serioze, subskribigu nur plenkreskulojn kaj invitu ĉiun homon, esti sincera amiko kaj protektanto de nia esperanto, la gloro de Polujo.

**L. Krysta**

# SERIOZE NI PREPARU LA DECIDONTAN PAŜON.

Legante en lastaj numeroj de P. E. artikolojn de s-anoj Lejzerowicz, Krysta, d-ro Czubryński kaj kelkajn aliajn, — espero eniras la koron de „malesperanta esperantisto“, ĉar li vidas ke ekzistas tamen samideanoj, kiuj serioze pripensadas, laboras kaj preparas la lastan venkon de nia ideo.

La projekto de s-ano Krysta ŝajnas al mi bonega, sed se ĝi estos farita laŭ rimarkoj de d-ro Czubryński. Tio estas, ke oni uzos la bibliotekon de subskribaj folioj por fari laŭ ĝi statistikon kaj poste kun tiu ĉi statistiko ekiros la kavaliroj de verda stelo kiel kun murrompilo al ministroj por lasta batalo. La diskuto pri Interŝtata Akordo Esp. — estas sensenca. Afero estas tute klara, la projekto bonega kaj unika.

Sed... estas ankoraŭ io, kion tuŝis ankaŭ en lasta nro de P. E. — d-ro Róbin kaj oni ne povas rifuzi al li pravecon. Lia „modesta rimarko“ (laŭ lia opinio) je la fino de lia artikolo ŝajnas al mi tre grava, eĉ pli grava, ol ĝi aspektas

D-ro Róbin demandas: „Se ni subite ricevus permeson tuj enkonduki en ĉiujn lernejojn Esperanton, ĉu ni trovos sufiĉan nombron da instruistoj por tia amaso da lernejoj?“

Certe ne! Nek malgrandan parton da **taŭgaj** por sia devo instruistoj ni trovos. Kaj se, tuj post enkonduko de deviga instruado, esperantistoj estos serĉataj kaj estos pagataj por la instruado, certe troviĝos la homoj, kiuj, ne konante bone la lingvon, ne havante eĉ iometan sperton kaj ĝenerale ne taŭgaj por instruadi, komencos instrui por mono nur, kaj tiamaniere ili ridindigos la aferon. Analogie influos publikan opinion la sola fakto de neekzisto de sufiĉa nombro da instruistoj. La granda, kelkdekjara laboro de esperantistaro povus rapide fali pro ne detala preparo.

Pro la graveco de afero mi opinias, ke en ĉiuj landoj (kiuj apartenos al Int. Akordo Esp.) devas esti organizacioj, kiel **ĉefoj** de tiu ĉi agado. Por tiuj ĉefoj — plej bone taŭgas, laŭ mia opinio, Naciaj Institutoj Esperantaj (kiel ekz. ĉe ni Pol. E. Inst.).

Tiuj Institutoj devos: 1) unuavice, kiel eble plej forte vigligi, 2) fari detalan statistikon de esperantaj instruistoj en la tuta lando, 3) klopodi, ke en ĉiuj urboj — ĉiuj esperantistaj societoj — **instruadu instrui** kaj sendu raportojn al la Instituto pri stato de:

a) ekzamenitaj instruistoj, kaj b) esperantistoj, kiuj bone konas la lingvon kaj kiuj konsentus en decida momento instrui (kaj estas taŭgaj por tio).

Se la agado sukcesos kaj venos feliĉa momento — ni estos pretaj kaj organizitaj. La Instituto kaj ĝiaj filioj estos tiam la kompetentaj interperantoj de instruado.

Kun ĝojo en animo kaj koro ni turnos en historio de nia lingvo — la karton de „batalado**j** **por** Esperanto“. Komenciĝos la dua epoko „batalado**j** **per** Esp.“ — por venko de nia interna ideo. Sed por tio ni havas ankoraŭ tempon....

Dum la venonta landa kongreso oni devas fine, detale kaj reale priparoli la aferon kaj ekpreni definitivajn konkludojn.

Ni esperu, ke la kongreso estos historia kongreso!

**Zbigniew Zieliński (Lwów).**

# PRIPENSINDE...

Leginte la artikolojn en P. E. 4 kaj 5 kiel ankaŭ en H. de Esp. pri la plebiscito de Esp., ekestis en mi ideo kaj mi permesas al mi sciigi ĝin al vi.

Koncerne la kolektadon de subskriboj, kiu laŭ PE. devos esti jam en septembro k. j. finita, mi opinias, ke tio estas iom tru frue; nun estas la sezono de libertempo kaj multaj gravaj personoj ne estas atingeblaj.

Mi do proponus jenon: Ĉar ĝis nun ni, esperantistoj, en Polujo preskaŭ silentis , ni ankaŭ ne povas atendi sukcesojn. Ni do devas nun **energie** komenci la agadon.

Ni, (t. e. PED) aranĝu ekz. en septembro k. j. (4. 9. — 11. 9.) komunan „Esperanto-Semajnon" en **tuta** Polujo, kiel tion faras aliaj organizaĵoj kiel ekz. LOPP, Ruĝa Kruco k. a. Dum tiu semajno oni disaŭdigu per Radio Esp.-paroladojn en la diversaj lokoj, kie estas esperantistoj kaj ankaŭ en aliaj oni aranĝu publikajn propagandparoladojn por Esp. kaj kompreneble taŭgaj artikoloj en la div. taggazetoj ne manku. Ankaŭ Esp. ekspoziciojn oni ne forgesu.

Samtempe kun la kolektado de la subskriboj por la enkonduko de Esp. en la lernejojn oni ankaŭ havos plej bonan okazon varbi por Esp.-kursoj. Krome ni devas publike per grandaj afiŝoj paroli al la publiko pri la graveco kaj utiligo de Esperanto kaj mi estas certa, ke ni havos sukceson.

Post tiu Esp.-semajno ni povos aranĝi la Tutpollandan Esp.-Kongreson, kie ni priparolos la atingitaĵojn kaj decidos la pluan agadon.

Sed por okazigi tiun entreprenon ni devas jam nun komenci la agadon.

**Emil Kołodziej.**

# GENIULO DE L' KORO.

**Okaze de la 20-a mortotaga datreveno de Bolesław Prus.**

En tempo de peza ekonomia krizo, kiun kune kun la tuta mondo travivas Polujo, en propraspecaj krome kondiĉoj de la ŝtata vivo, tute ne favorantaj laŭdecan respektadon de gravaj kulturaj aperaĵoj forpasis la 19-an de majo 1932 mallaŭte, preskaŭ nerimarkite, la dudeka datreveno de morto de Bolesław Prus, kiu post Mickiewicz estis sendube kune kun Sienkiewicz la plej granda potenculo de l' pola literaturo. Do ne sen profunda praveco ni dediĉos al li kelkajn rimarkajn vortojn sur tiu ĉi loko, en la organo de l' internacia lingvo, ĉar li ja estis verkisto kun grandaj ebloj de ekspansio inter fremdajn literaturojn, por kio kiel nekontestebla legitimilo servis al li la estra melodio de lia vasta kreado.

Huboj de verkado de Prus efektive imponas per vasteco de horizonta atingo kaj profundo de ĉiuflankeco. Sur fono de rimarkebla intelekta grizeco de niaj (kaj ne nur niaj) verkistoj la menso de l' verkisto de „P u p o" kaj de „E m a n c i p a n t i n o j" faras impreson de riĉe larĝkreska kverko inter artecaj florbedoj, narkotanta per odoro de diverskolora floraro. La intelekto de Prus, instruita en precizema lernejo de fundaj studadoj matematik-naturscienca j, sociologiaj kaj filozofiaj, permesas al li kuraĝe enprofundiĝi sondilon en fluan turniĝadon de pa-

radoksoj de l' vivo kaj senduba konstruemo de lia menso, permesas al li je kreado de vasta programo por rebonigo de sociaj rilatoj. Lia socia reformemo antaŭas lian epokon, tial oni devas nepre reorganizi returnon al Prus hodiaŭ, en tempo de alivalorigo de malnovaj valoroj ideo-sociaj de l' pasinteco, efektiviĝanta sur vastaĵoj de postmilita homara estado.

Sed ne nur la ĉi-supraj rimarkiloj decidas pri escepteco de la verkisto de „Orfa sorto“ kaj „Veŝto“. Prus estis antaŭ ĉio poeto de bono, geniulo de l' koro. Kapablo por vera absuluta amo, tiu genio de l' koro, estas sur paŝejoj de l' homara vivo same malofta kaj valora, kiel ĉiu alia genio. La kunsentanta boneco de Prus, ampleksanta per flamvarma kapto ĉion, kio suferas, koncentrigo de ĉiuj pensoj kaj sentoj ĉirkaŭe de eterna problemo de sufero kaj malbono — formas bazigon de la titolo, metita enkonduke.

Estas substrekinde, ke Prus ne rekonas malbonon kiel nepra rezulto de nekunharmoniiĝo de homa elemento kun tiu kosma, sed li kredas, ke la malbono estas pasa faktoro, ĝistempe utila pro sia granda eduka funkcio. Bono, feliĉo, perfekteco jen la plej altaj valoroj, al kiuj paŝas la homaro sur multaĝaj irejoj de estado kaj al kiuj ĝi venos, ĝi devas veni — kiel Prus kredas — en foraj matenkrepuskoj de morgaŭo.

Idea, senlaca skermado de Prus por la plej altaj valoroj soci-moralaj, kondukata dum pli ol kvardek jaroj de vigla publicista kaj literatura agado, lia kunlaboro en urĝrapidaj problemoj de momento, servemo al suferanta homaro, kaj krome lia humoro, tiu grandioza, senkompara humoro, kortuŝanta ĝisfunde — kiu ne estis kaj ne estas krom ĉe li en provizriĉa trezorejo de pola verkaro — certigas al li granitajn fundamentojn de lia grandeco. **Wiktor Doda.**

IRENA SZCZEPAŃSKA.

# PROLOGO.

Personoj: Mondo, Esperanto, Paco, Amo.

MONDO:

Plensurda pro la bruo kaj grinco de l' motor' —
(Iliaj ferpalpiloj suĉas sangon de l' kor').
En ĉeloj de malgranda mi fermis min naci'
Sonas balbut' centlingva senĉese tie ĉi.
Nur oro, mono gravas! Idea estas mank',
Kaj mia stranga preĝo: Milito, krimo, sang'!!!

ESPERANTO:

Ne de l' ĉiel' mi fluas, ho! sed de via dom'
Ne de l' steloj mi ĉerpas la forton, sed de l' hom',
Mi volas veki homojn per mia granda vort'
Kaj mutajn, fratajn lipojn malfermos mia fort'

MONDO:

Malfrue jam malfrue, ĉu iu sur la ter'
Aŭskultos viajn vanajn parolojn sen koler',
Trans bruoj, maŝingrincoj, trans fajfo de l' siren',
Ĉu iu povos aŭdi? Ho! vana via pen'
Mi ĉiam aŭ febriĝas, aŭ tremas de malvarm'
En mia ĝojo ĉiam maldolĉa falas larm'!

PACO:

Mi tenas vian pulson. Trankvile frenezul',
La sangon mi haltigas, ke ĝi ne fluu plu.
Kie flamis fajregoj — al vi ekbrilos nun,
Homaro malfeliĉa, ridanta, bela sun'!!

**MONDO:**

Vi pensas esti gravaj, sed la infanoj eĉ
Ridetas bonhumore de via fortostreĉ',
Per kio vi kortuŝi, ekmovi volas min?

**AMO:**

Per Amo!!!
Al vi, kiuj malamas en sanga vivaren'
Ekreĝos inter landoj la amikeca ben',
Kie vi mordis korpon — fortiĝos sin anim'
Kaj mi vin alparolos kuraĝe kaj sen tim'.
Rido vin alparolos kaj dolĉa bonhumor',
Mi estos konsolanto en la malgaja hor'.

**ESPERANTO:**

Unu potenco kreis homaron sur la ter'
Donis similajn trajtojn al universa sfer',
Alkondukante nin al bela, ĉarma mond',
Por ke ni amu, helpu en granda homa rond',
Interkompreno homa fariĝos nia cel',
Ĝi ŝanĝos la militojn je la frateca bel',
Finiĝos la disputoj, ekkantos dolĉa son'
Ĉar tuta komprenado signifas — la pardon'!!

**AMO:**

La susuranta arbo kaj multkolora flor'
Parolas saman lingvon al nia homa kor',
Egale brilas suno por ĉiuj de l' homar'
Kaj same kantas birdoj ĉe la naturaltar'.
Se povus ekparoli la tuta homa gent',
Ekreĝus en la mondo la suno kaj printemp'!!

**MONDO:**

Mi iros tiel ĝoje kun paco kaj la am',
Subtenu min kompate... mi laca estas jam!
Veku min, trankviligu, varmigu per la am'
Konduku min al revo, miraklo, lumo, hel'
Tra koroj ekflamantaj — ĝis via **verda stel'!!!!**

TADEUSZ BILIŃSKI.

# EKSTERORDINARA AVENTURO DE LA PENTRISTO FORMISTO.

De la — per dika ŝpinaĵo de nebuloj ĉirkaŭvolvita — preĝejturo malsuprenfluis la lastaj batoj de la tria, post kiuj en la laktoza spaco laŭtege audiĝis tonoj de la antikva hejnalo, trumpetita de ĉiam gardema, sekve ankaŭ sobra, turgardisto — kiam la nobla pentristo Formisto forlasis la sojlojn de la bruega dancejo, kie la frenezeco de la karnevala senzorgo jam atingis zeniton. Iom ŝanceliĝante li eliris kaj mirigita ekhaltis:

„Nek postsigno de la strato".

Griza nebulo, per malvarma, glitiga kiso tuŝanta vizaĝon — kiel je la komenco de la mondo — englutis ĉion, kio kutime formis la straton. Ŝajnis, ke subite en la nebuloza superakvego malaperis kaj tute pereis ĉio, kio iam estis formo kaj koloro kaj atendis novajn formojn de l' ekzisteco, al kiuj la Eterna volo de „Granda Artisto" devis ĝin alvoki.

— Mi devas iri... sed kien kaj kiel iri... kiam ne estas „kie"... simple, kiam ne estas strato...?!

Tamen li fine decidiĝis iri elektinte la plej certan — kiel li konjektis kaj sendube el celo kondukontan direkton nome „nazdirekton".

Tamen — ho, ve! — la orbiton de liaj decidaj intencoj kontraŭstaris neantaŭvidita baro, nome: griza per malpuraj gutoj de nebulo kovriĝinta muro.

— Ho, al diablo! — li terure ekmalbenis — tamen estas io, kio ne estas nur nebulo...

Konvinkiĝinte per larĝe malfermitaj brakoj, dume la piedoj desegnis „kubistajn" elipsojn, ke tiu baro estas neevitebla, li elektis novan simple diametre alian direkton, t. e. „for de si" kaj irinte rekten — kiel li almenaŭ juste supozis — li denove renkontis firman, necedeman malhelpon. Subite li ektremis! En eklumo de ia oscilanta lumeto, kiu penetris la dikan nebulon, li ekvidis grizan fantome longigitan korpegon de muroj, en ia momento li vidis ilin irantaj duflanke — kun libera meze spaco — sed baldaŭ ili kunfluiĝis, kuniĝis, kvazaŭ ili enirus en sin kaj formis ion strange monstran kaj kunplektitan, simile al grandega trunko de iu kolosa iĥtiosaŭro, kiu briletante per mil flamaj okulegoj, ŝovis sin rektantaŭen al pentristo Formisto.

Ekterurita aŭ eble pli mirigita per tiuj fantomoj, li cedis flanken por lasi al la monstro liberan preterpaŝon, sed samtempe li ŝanceliĝis, kvazaŭ puŝita per centrifuga spitema forto kaj li apogis sin je nuda glitega „brako", kiun li ekkaptis konvulsie ĉirkaŭpremante ĝin ame per siaj brakoj.

Kiam li scivole suprenlevis sian strange pezantan kapon, li ekvidis super si... unu el „okulegoj" de la monstro, kiu malice palpebrumis al li, kvazaŭ ĝi mokus je malfeliĉo de Formisto, kiun ekregis malagrabla sento de malforteco kaj forlaso.

La monstro antaŭen ŝoviĝante ekstaris kaj tiam Formisto povis konvinkiĝi, ke ĝia korpego konsistis el spazme kurbigitaj trunkoj de domoj, kiuj estis kubiste mallongigitaj kaj havis falditajn tegmentojn kaj spirale fleksitajn fenestrojn, kiujn ekskuegis ia spasmo de doloro:

— La monstro manĝegis la duan flankon de la strato — ekpensis malĝoja Formisto, kies senteman koron doloris la „maljusteco" de la strato.

Dum tiuj konsideroj de la nobla pentristo, fandiĝis denove en la dronejo de nebuloj la abomena korpego de la monstro. Subite... terura muĝo, siblo kaj krako atingis la orelojn de Formisto: „El nebuloza senfundaĵo aperis nova monstro, kiu, briletante per du grandegaj lumaj okulejoj preterŝovis sin apud Formisto.

Ekklariĝis subite en la kreanta cerbo de la pentristo kaj la rezulto de tio estis, ke li ekkonstruis tute klaran silogismon:

— Se li veturis, sekve devas tie esti ia strato kaj se ĝi estas... do... ni iru!

Dirinte tion, kuraĝe li enprofundiĝis en la mikaaĵon de la nebulo, kie devus esti lia domo.

Kiam li jam iris — en senriproĉe designita diagonalo — subite li renkontis ion, de „kie" repuŝita per la sama persistema forto, li retrovis sin ĉe la laterno, kiu — ho, malico — dentgrincante ridetis kaj — demetinte sian tegmenteton — svingiş ĝin al Formisto.

— Mi ne iros jam pluen — mi havas jam sufiĉe da tio... se ne estas kien iri... do... mi iros nenien...

De malantaŭ la vualo de nebuloj elvenis la ombro, kiu komence estis grandega, senforma, poste ĉiam pli malgranda, ĝis fine ĝi haltis proksime de la pentristo, kiu kun senmove fiksitaj okuloj rigardis la defluejan ŝtonon de la englutita strato.

— Ĉu vi ion perdis? — demandis lin la ombro, en kiu li apenaŭ rekonis la gardiston de la „estinta" strato.

— Ne... mi perdis nenion... vi „atenta" gardisto, kies atenteco ne... povis... malhelpi monstron, por ke ĝi ne manĝegu al vi... la straton... Nenion mi perdis... mi ripetas... sed mi... serĉas...

— Do vi perdis ion... se vi serĉas?!

— Nenion... vi reprezentanto de la superflua estreco... mi ripetas mi ne perdis... sed mi... serĉas.

— Kion vi serĉas?

— Mi ne serĉas... sed... mi ne povas trovi....

— Kion do — al diablo — vi ne povas trovi...

— Ne... ne povas mi... trovi... la straton t. e. pli ĝuste — la duan flankon de la strato...

— La duan flankon?! Jen ĝi estas antaŭ vi — tie dua flanke.

— Hi, hi, hi, — duaflanke?! — ekridetis kompate Formisto — duaflanke?! kaj kie — permesu, tre estimata sinjoro — tiu alia flanko? — Hi, hi, hi, — vi diris al mi, ke tie... tie kaj ĝuste mi estis tie kaj... mi estas denove... ĉi tie kaj ĝi devus esti... la dua flanko... hi, hi, hi...

Ekridetis Formisto, li ridis je naiveco kaj malsaĝo de „stratestreco" kaj kun li ridetis ankaŭ „fidela" stratlanterno, grincante siajn dentojn.

## „2 + 2 = 5"

La matematikistoj asertas, ke aritmetiko estas ekzakta scienco, netoleranta laŭvolan interpreton. Kaj tamen oni povas facile pruvi, ke ne entute. Ni prenu ekzemplon: Unu el reguloj de aritmetiko parolas, ke plej simplajn kalkulspecojn, kiel adicio kaj subtraho, oni povas fari nur ĉe grandecoj de la sama speco. Dume la vendisto de lakto povas nin konvinki, ke 1 litro da lakto plus 1 litro da akvo donas 2 litrojn da pura lakto. Sed tio ankoraŭ estas nenio. 2000 da haroj sur kapo minus 1997 haroj egalas... senharulo. — Franco + germano + italo + anglo + japano = donas rezulte, laŭ aritmetiko de Wilson... „Ligon de Nacioj". — Dume la matematikisto adicias unu sian „duonon" al alia, al kiu li antaŭe edziĝis. Kion li ricevos? La proceson pro bigamio. — La aritmetiko estas scienco de individua opinio, precipe ĉe virinoj. Ekz.: sinjorino naskiĝinta en. j. 1890, ĵuratestos, ke ŝi havas nur 30 jarojn, kaj post 10 jaroj ŝi asertos kun tuta decideco, ke ŝi havas 33 jarojn. — Krom tio ĉiu el viroj devas aprobi, ke spite la regulojn de l' aritmetiko, 1 virino, havanta 50 jarojn, prezentas senkompare pli malgrandan valoron ol 2 aliaj, kalkulantaj po 25 jaroj. — Aŭ ni faru jenan kalkulon: En restoracion venas je 10-a horo vespere gasto kaj li eltrinkas ĉiukvaronhore glasegon da biero. Kiam ni ankoraŭ alkalkulos kelkajn „kaliketojn" da brando, kion ni ekvidos ekz. je 1-a horo nokte? Plej certe tute ebrian gaston. Kasisto havas en kaso 100.000 zł, se li deprenos 99 milojn por si mem, kio restos?? Eble nur rapida forkuro antaŭ ol venos polico. — Bopatrino plus bofilino kumune loĝantaj donas en rezulto... la inferon. Dume bofilo plus bopatrino... la unua

kvietigas nur sian furiozecon. — Se de peco da silko longa je 2 m-oj oni fortranĉos 1.50 m. restos grandioza vespera robo por eleganta moderna sinjorino. Ofte okazas ke 1 + 1 = 4. Tiel opinias ia feliĉulo post jaro de sia edzeco estiĝinte patro de... dunaskitoj.

„Y“. El Ilustr. Kurjer Codzienny tradukis **Wł. Misiewicz (Radom).**

**MARJA RODZIEWICZÓWNA.**

# POEMETO.

Se vi fandus la sonorilon,
Belan, grandan sonorilon.
Kiu sonus al ni feliĉon,
La plej puran tonon:
Ne jetu metalon en flamon,
Nek arĝenton, kaj nek oron,
Nek kordon de l' ĉarma liro,
Por ricevi klaran sonon,
Al ĝi donu: — oran koron,
Donu koron!

Se vi skulptus en la roko
Statuon de l' heroo,,
Por fari senmortan
Verkon de la gloro;
Ne metu laŭrojn sur kapon,
Ne donu tondrojn en manojn,
Ne serĉu la purajn ŝtonojn,
Ne emocius tiuj homojn....
Al li donu: nur animon,
Grandan animon!

El la pola lingvo tradukis **Helena Strumiłło-Barbaszewska.**

# „KON“.

Kiel forte la tuta mondo restas sub influo de la nomo KON, kiagrade lia menso regas super ĉio kaj ĉiu, citinda estas la jena simptoma fakto, kiu pruvas, ke preskaŭ ĉiuj vortoj kaj plej diversaj esprimpovoj en vastaj rilatoj de l' vivo komenciĝas per vorto KON.

KON, KON — kien ajn vi vin turnos, komencante de plej seriozaj kaj plej gravaj formoj de soci-politikaj funkcioj ĝis plej malgravaj okazintaĵoj de ĉiutaga vivo, ĉio ĉi elkreskas el tiu fatala malbonintenca nomo KON, KON, KON..

La tuta politika terminologio estas plenigita de nomo Kon: KONgreso, KONstitucio, KONservatismo, KONferenco, KONvencio, KONversio, KONjukturo.

Li, KON, estas prakomenco de ĉio, de lia malbeninda nomo komenciĝas ĉiuj vivoformoj, ĉiuj objektoj, invitoj kaj programoj.

Tuta politika leksikono svarmas de lia finomo: KONspirado, KONsultado, KONfederacio, KONtribucio, KONtrolo, KONsulo...

Vi trovas lin ĉie en diversegaj malĝojigaj komplikaĵoj de nia vivo.

Kie ajn ekzistas nur KONkurenco, vi ankaŭ lin trovos. Reprezentata en KONcentrigo de kapitalo, samkiel en ĝia KONfiskado, li KONstante KONigas militeman mondon pri siaj KONspiremaj KONjektrimedoj okaze de venonta militbuĉado.

Li kaŭzas KONfliktojn, KONtrastojn, KONtraŭargumentojn kaj samtempe kreas KONtakton kaj KONglomeraton, li estas tiu, kiu kunigas kaj ligas ĉion, KONcize: sindetiKON!

Tamen ne nur super mondanaferoj li displektis sian reĝemon, ankaŭ en religiaj aferoj li okupas unuarangan lokon. De li komenciĝas ankaŭ esprimoj kiel KONgregacio, KONfirmacio, KONsekro, KONverto, KONfeso...

Li agordas ĉion. Li KONstruas niajn civitrilatojn, li kreas KONceptojn de nia ideologio, li KONsolidas nian parti- kaj politik- agadon.

KONcize, li scipovas en diversmanieraj KONdiĉsituacioj KONvene KONduti.

KON, KON kaj refoje KON!

Super ĉio regas li, fantomo, ĉio elfluas el unu fonto — kaj tiu fonto estas KON.

Li estas estro, li estas KONdamnanto. Lia ĝusta nomo devas esti KONduktoro!

Kiu forrabis tutan muzikon kaj judigis ĝin per sia nomo?!

KONservatorio, KONtralto, KONtrabaso, KONtraŭpunkto, KONcerto ktp.

Li kreis tiun abomenindan malhelpon de ĉiuspecaj teatrspektakloj — KONtraŭmarkon.

Eĉ en astronomio li figuras sub KONstelacio. Tuta mondo komercista kaj financa — jen lia vera ejo. kie lia spirito regas potence kaj nevenkeble. Ĉiuj ja vortoj havantaj ion komunan kun komerco portas lian viktiman nomon: KON-

trakto, KONkurenco, KONcesio, KONto, KONkurso, KONtrolo, KONtrabando, KONsidero, KONtoro.

Se vi ankoraŭ ne KONtentiĝis, do serĉu lin ankoraŭ en manĝaĵoj, el kiuj mi citas nur: KONservaĵo, KONfitaĵo...

Judoj fieras pro sia abstinemo rilate alkoholon! De kiu do, mi vin demandas, devenas vorto: „KONjako"?!

Jes, gesinjoroj, KON, KON kaj ankoraŭfoje KON.

Tial mi KONvinkiĝis kaj de ĉi-ĉio KONstatas, ke li KON KONdukas mondon al senĉesa KONvulsio kaj finfine mi KONkludas, ke nur li devas toleri la KONformajn KONsekvencojn!

Tradukis Ado **Zorkraut,** Lublin.

# SUR MARĜENO DE L' ARTIKOLO „SENARMIGO KAJ EDUKO":

Estonta eduko en pacema spirito estis unu el la plej gravaj problemoj tuŝitaj dum kongreso en Haag 1915 j. Sed la granda milito, kies daŭrigon kaj rezulton tiutempe neniu supozis, interesis tiel ĉiujn homojn, ke eĉ en gazetoj oni ne menciis preskaŭ pri la kongreso. Milito kaj pacema eduko, du diversaj ideoj, unu esceptas alian.

Tiam la pliparto da kunvenintoj rimarkis, ke de l' infaneco ĉe ĉiuj nacioj eduko elvekas preferadon al milito. Ludsoldatoj, ĉako, sabreto, estas la plej dezirataj al ĉiu knabeto kaj poste, kiam komenciĝas instruo en ĉiuj mondlibroj troviĝas rakontoj pri militherooj. Jam juna spirito vidas, ke tre rapide estas forgesitaj scienculoj, homoj, kiuj kaŭzis progreson en industrio, aŭ ebligis malfacilan estadon de laborantoj. Pro tio juna spirito revas pri militherooj, ne sciante tre ofte, al kiu ŝuldas gravajn eltrovojn aŭ malkovrojn. Oni postulis ŝanĝi ludilojn, ŝanĝi librojn.

Tiom la kongreso. kaj nun?

Ŝanĝiĝis sendube iom, speciale en fako de ludiloj. Sed ne povas helpi grandaj paroladoj pri paco, se unu nacio ne estimas celojn de aliaj, ne aprobas reciproke ĉiujn rajtigojn.

Eble venonta generacio, sed ankoraŭ ne la nuna komprenos la vorton „pacigo", sen kiu oni ne povas prezenti al si ekonomian prosperon de ĉiuj nacioj.

Se alvenus tempo,kiam la homaro pli sentus justecon aŭ maljustecon, belecon aŭ malbelecon vidatan per okuloj spiritaj, anstataŭ tiu vidata per korpaj okuloj, — tiam estus paco en vivo. **H. Wasilewska.**

# ESPERANTO-STENOGRAFIO SISTEMO STOLZE-SCHREY.

De l' 27—29 majo 1932 okazis en Kreuzlingen (Lago de Konstanco) la jarkunveno de la Generala Svisa Stenograf-Asocio. En la stenografia konkurso estis premiitaj laboroj en germana kaj fremda lingvoj, nome germane 300 silaboj, france 240 silaboj, itale 140 silaboj, angle 180 silaboj kaj hispane 160 silaboj. En Esperanto sro. Robert Kreuz, direktoro de I. C. K., Genève ricevis 2-an premion por laboro en rapideco de 240 silaboj kaj kune kun aliaj premioj por germana kaj franca lingvoj okupis la 4an rangon inter 235 partoprenintoj. Sro Jakób Frischknecht — St. Gallen ricevis duan premion por Esperanto-stenogramo de 160 silaboj.

Sro Kreuz antaŭ ne longe starigis novan alfaron de la sistemo Stolze-Schrey kaj pretigis kurson de metagrafio (debata stenografio) por la sama sistemo.

La germana stenografia gazeto „Der Blitz", organo por parlamenta stenografio en sia maja numero komencis la publikigon de ekzercoj en esperanto-stenografio (elementa skribo kaj metagrafio) laŭ la alfaro de Kreuz. Numeroj estas haveblaj kontraŭ pago de 30 c. de (tiel en la teksto! Red.) Buchhandlung d. Sten. Verbandes Stolze-Schrey, Breitestrasse 10, Berlin C. 2.

# POLLANDA KRONIKO.

**CHEŁMNO.** La 17. 4. prof. Sygnarski paroladis pri Esperanto antaŭ 300 kadetoj kaj iliaj instruistoj en Chełmno. Sekvis Cseh-metoda provleciono. Poste nia negro-samideano Kola Ajayi humore paroladis pri sia unua vojaĝo al eksterlando, tradukate polen de prof. Sygnarski. Vespere sama aranĝo antaŭ gimnazia lernantaro.

**RADOM.** Nia Esp. Rondo „Progreso" pro sia oficialiĝo de vojevodio aranĝis ekskurson al **proksima** posturba boskọ, kie „mondlingvanoj" boneĝe pasigis tagon parolante, kantante kaj ec imitante nur en Esperanto. — Lastsemajne okazis tutnokta bankedo, pro forverturo de s-ro Rotenberg, aranĝita de „Bundaj Samlingvanoj". La restadon plezurigis sam-ino Melchkrup per kortuŝaj kantoj, kam. Guterc per deklamacio, sam-ano Misiewicz per paroladeto „Skizo de Esp. movado en Radom". Multnombraj ĉeestantoj komprenante „hispanan etiketon" formanĝegis ĉion manĝeblan, kaj ĉe fino permesis sin afable fotografi. Ĉe „Bund" baldaŭ estos finita Esp. kurso, gvidata de s-ro Gutman.

**SOSNOWIEC.** La 12 VI oni aranĝis ekskurson de esperantistoj el Morava, Karvina, Bielsko, Katowice, Dąbrowa'a Minejteritorio kaj el ambaŭ urboj Cieszyn. Kiel celo de l' ekskurso estis Czantorja en Beskidoj. — La ekskurson partoprenis ankaŭ grupo da instruistinoj el Sosnowiec, novaj esperantistinoj. Organizintoj de l' ekskuso estis s-oj Ludwik Krysta kaj Bol. Czechowski.

**TARNÓW.** La Esperanto-movado estis tre malvigla ĝis la lasta tempo en nia urbo. En la komenco de l' nuna jaro fondiĝis en Tarnów societo n. „Tarnova Esperanto-Societo", dank' al fervora laboro de f-ino Irena Traumówna, Delegitino de U. E. A., kiu sisteme propagandas Esperanton kaj varbas por U. E. A. — Komence ŝi fondis malgrandan rondeton poste publikan kurson de ŝi gvidatan ĝis la 16-a de majo. La kurson finis pli ol 30 personoj. — La 19-an de majo oni aranĝis „Kursfinan feston", kiun ĉeestis multaj esperantistoj kaj esperantemuloj. La bonsukcesa festo finiĝis per komuna fotografiĝo. — Nun okazas kunvenoj ĉiulunde kaj ĉiujaŭde en Ŝtata Komerca Lernejo, str. Piłsudskiego 19/II. — La Societo havas sian bibliotekon, kiu konsistas jam el ĉirkaŭ 50 libroj.

**WILNO:** La esperantista grupo ĉe la Vilna Juda Landkonema (Turista — Z. T. K.) Societo finis la kurson (laŭ Dro Privat metodo), kiun gvidis nia S-ano S. Szyk. Partoprenis 25 personoj. Nun ekzistas legejo, kie konstante estas ĉefaj Esp.-gazetoj. Ankaŭ ekzistas jam riĉa biblioteko. — Ĉe balo de Vilna gazetaro (por elekti „Mis") partoprenis laŭ klopodo de s-ano S. Szyk lia kursanino f-ino Teper en tre originda Esp. vesto (speciale kudrita el blanka kaj verda silkoj kun steloj). F-ino Teper prezentis la Esp.-gazetaron; tio montris al 1.000 ĉeestantoj, ke Esperanto vivas, progresas kaj utilas. Tio estis brilega kaj bonega propagando por nia ideo. — Ĉe la turista (Z. T. K.) grupo ekzistas nun nova esp. kurso laŭ Ĉe-metodo (la unua kaj sola kurso en Vilno); gvidas Ĉe-instruisto S. Szyk.

**WARSZAWA.** En Varŝava Ŝtata Blindul-Instituto okazis du koncertoj kun partopreno de nia amiko IMRE UNGAR. La unua okazis la 8 de majo. Ĝi estis solena propaganda blindula koncerto. Ĉeestis multaj oficialuloj, inter ili s-ro klerig-ministro, Prez. de Chopin konkurso, s-ro Wieniawski, J. Kaden-Bandrowski k. a. — La dua estis la 14 de majo. Ĝi estis la propaganda koncerto de blindaj esperantistoj. Post kantado de himno, parolis pollingve f-ino Zofja Maćelkówna, profesorino en Instituto, poste paroladis s-ano Ungar pri signifo de Esp. por blinduloj. Lia belega parolado en perfekta stilo, trad. de s-ano Komornicki impresis ĉiujn. Tutan programon plenumis blindaj kursanoj de Esp., oficiale instruata en Instituto: ĥoro, preparita de prof. Pierzynowski, deklamado reĝisorita de dram-artisto s-ano Rozmarynowski: „Tri Budrisoj" (F. Woźniak) kaj „Preĝo sub la Verda Standardo" (Z. Osidaczówna). Je l' fino ludis s-ano Ungar. Pri lia ludo ne sufiĉas iaj priskriboj, oni povas nur aŭskulti... Impreso kaj propaganda valoro, grandega. Koran dankon al Estimata Sinjoro Direktoro de l' Instituto, Stefan Łopatto por serioza intereso al niaj klopodoj kaj grava apogo!

P. S. Lasta sciigo: S-ano IMRE UNGAR estas honorita de Regento de Hungarlando, Horthy, per ordeno „Signum laudis". Koran gratulon! **E. R.**

## DE LA REDAKCIO.

Jam nun nepre notu en viaj kalendaroj, ke la 24. VIII. je la 22 h. 25 m. okazos prelego s. t. **„Naturaj riĉaĵoj de Polujo"** kaj la 28. IX. je la sama horo **„Turismo en Polujo".** La prelegojn (15 minutajn) aŭdigos samtempe per radistacioj en **Kraków kaj Warszawa** s-ro Tadeusz Hodakowski. Bv. aŭskulti ilin kaj poste danki al Dyrekcja Polskiego Radjo — Warszawa, petante pri pluaj regulaj esp.-aŭdigoj. — Skribu kiom eble plej multaj, sed speciale dezirindaj estas fremdlandaj samideanoj. Aliaj gazetoj, bonvolu represi.

La sekvonta numero de „Pola Esperantisto" aperos pro ferioj dum septembro kj.

# LA NEGRO KOLA AJAYI EKVOJAĜOS TRA POLUJO!

**Grandstila prelegvojaĝo en septembro 1932.**

La sukcesaj prelegvojaĝoj, kiujn faris la hinda samideano Sinha kaj la amerika samideano Scherer, instigis nin prepari interesan prelegvojaĝon de la afrika samideano Kola Ajayi. Nia „nigra apostolo" lernis Esperanton nur antaŭ 8 monatoj. Hodiaŭ li estas entuziasma disĉiplo de la Zamenhofa ideo kaj volas dediĉi sian vivon al la laboro por la bono de nia afero.

Kola Ajayi parolis jam plurfoje en nia urbo Bydgoszcz kaj en Chełmno antaŭ la Esperantistaro kaj fremda publiko kaj ĉiam havis grandan sukceson dank' al sia simpatia konduto, bela eksterajo kaj la interesegaj negro-kantoj. Ni garantias la sukceson de Ajayi-vespero. La vespero de nia negro-samideano enhavos sekvantan

**Programon:**

**I-a Parto:** Parolado pri la vivo de la negroj en Afriko, iliaj moroj kaj kutimoj. La parolado estos ilustrata per 80 interesaj lumbildoj, parte koloraj.

**II-a Parto:** Mallonga Parolado pri la afrika muziko kaj komparo kun la moderna jazmuziko. Poste sekvas interesegaj negro-kantoj en Yoruba-lingvo kun akompano de du originalaj afrikaj tamburoj.



Por faciligi kaj bone organizi tiun ĉi prelegvojaĝon, **la verkisto Jean Forge'akompanos en la komenco nian nigran samideanon.** Li helpos prepari la vesperon per bona reklamo. Kola Ajayi estos ekipita per unuaranga reklammaterialo: moderna kolora afiŝo, kliŝoj-matricoj, pretaj artikoloj en pola lingvo, intervjuoj ktp. Tio multe faciligos al la grupoj la aranĝon kaj propagandon de la negro-vespero. Por siaj originalaj negro-kantoj, kiuj ravas la publikon, li kunportos du grandajn original afrikajn tamburojn, kiujn li majstre scias frapadi.

Por aranĝi la negro-vesperon, ni bezonas projekcian aparaton por lumbildoj, kies formato estas 8½ : 8½ cm. Por traduki la paroladon, elektu spertan samideanon. **Kola Ajayi parolas malrapide kaj klare en simpla lingvo.** Jean Forge, kiu akompanos lin, laŭbezone estas preta traduki en polan lingvon. Tiel estos eble aranĝi tiun vesperon **ankaŭ en tiuj lokoj,** kie la Esperantistoj **ne disponas pri sufiĉe sperta tradukisto!**

La **honorario** estas 10 usonaj dolaroj po parolado kaj 50% -a partopreno en la neta profito de la vespero. En okazo de deficito ni ĉiam cedos laŭeble konsiderante eventualajn lokajn malhelpaĵojn. Ni speciale atentigas pri tio, ke la originalaj negro-kantoj tre taŭgas por disaŭdigo per radio! Ankaŭ tiel estus ebla bona antaŭpropagando. Kompreneble la Esperanto-grupoj profitos krome — se la tempo permesos — de senpagaj paroladoj, aranĝotaj speciale por la Esperantistaro.

Simile kiel ĉe la hinda samideano Sinha ni evitu kiel eble plej multe la vorton Esperanto, por allogi ankaŭ tiujn homojn, kiuj ne simpatias al nia movado. Poste la publiko mem interesiĝas pri la lingvo de la preleganto. La fakto, ke negro uzas Esperanton por paroli pri sia lando kaj popolo, konvinkas per si mem!

Nia plano estas komenci la prelegvojaĝon en Polujo tuj post nia kongreso en Lublin dum septembro, kie ni volas prezenti al la pola samideanaro nian nigran samideanon. Intertempe ni jam komencis intertraktadi kun pluraj landaj societoj. Ni alvokas hodiaŭ ĉiujn grupojn kaj izolulojn, kiuj deziras aranĝi kun ni Ajayi-vesperon en sia urbo, ke ili t u j anoncu sin! Nur kiam ni scios, en kiu loko estas intereso por nia propagand-vojaĝo, ni povos publikigi detalan vojaĝplanon. Anoncu vin baldaŭ! La intereso estas granda! La sukceso morala kaj materiala estas eksterduba.

Ni esperas, ke nia alvoko trovos viglan eĥon inter niaj polaj geamikoj. Helpu ankaŭ vi montri al la publiko en via urbo, ke ni nun forlasas la nuran propagandon de Esperanto, ke ni nun komencas ĝian aplikadon en la praktiko! Skribu al ni!

Fratoj Fethke, Bydgoszcz, Petersona 12.

# TUTPOLL. KONGRESO ESPERANTISTA EN LUBLIN.

## OFICIALA KOMUNIKO NR. 1 KAJ 2.

Propono de P. E. A. Filio en Lublin rilate al okazigo de Pollanda Kongreso Esperantista en Lublin estas de P. E. D. definitive akceptita kaj la Kongreso okazos en aŭtuno de kuranta 1932 jaro.

**En la Honoran Komitaton de la Kongreso estas elektitaj:** Prof. Dr. Odo Bujwid (Kraków) Prof. Dr. Walery Goetel (Kraków) Prof. Inĝ. Emiljan Loth (Łódź) Prof. Jan Muszyński (Wilno) Prof. Stanisław Nowakowski (Poznań) Prof. Jerzy Loth (Warszawa) Dr. Ignacy Dziedzic (Toruń) Dr. Jan Mędrkiewicz (Chojnice) Dr. Wilhelm Róbin (Warszawa) Dr. Antoni Czubryński (Mława) Adv. Leo Belmont (Warszawa) s-ro Juljan Jarecki (Warszawa) s-ro Jan Kostecki (Paryż) s-ro Jakób Szapiro (Białystok) Prof. Mieczysław Sygnarski (Bydgoszcz) Inż. Edward Kostecki (Kraków) s-ro Bronisław Kuhl (Kraków) Inż. Eugenjusz Tor (Kraków) Red. Jan Günther (Warszawa) s-ro Artur Pankratz (Bydgoszcz) s-ro S. Grenkamp-Kornfeld (Paryż) Dr. Leopold Dreher (Kraków).

**Honoraj gastoj:** Familio Zamenhof.

**Honora prezidanto de Loka Kongresa Komitato:**
Apel. juĝisto Dro Stefan Lelek-Sowa (Lublin).

**Loka Kongresa Komitato:**

S-ro Ludwik Leszczyński — Prezidanto, S-ro Bohdan Drzewiecki — vic. Prezidanto, Prof. Karol Steinmetz-Jubel —vic-Prezidanto, S-ro Ado Zorkraut — Ĝenerala Sekretario, F-ino Celina Rezniuk — Sekretario, S-ro Kazimierz Ścibior Kasisto, S-ro Czesław Pruski — Afergvidanto.

**Adreso por korespondajoj kaj monsendoj:** Lublin, str. Tatarska 2. Ĝenerala Sekretario Ado Zorkraut.

**Akceptejo:** Lublin, str. Krak. Przedm. Nr. 60 Kafejo „Warszawska".

**Kongres-kotizo:** 5 zł. por persono. Studentoj, lernantoj po 3 zł. Grupo aliĝanta kune, konsistanta el 5 personoj pagas 20 zł.; Grupo aliĝanta kune, konsistanta el 10 personoj pagas 30 zł. Infanoj ĝis 10 jaroj, blinduloj kaj senlaboruloj (posedantaj legitimaĵojn de P. U. P. P.) senpage.

**Pagmaniero:** per poŝtmandato aŭ rekomendita letero (de 2, 5 aŭ 10 personoj kune). Oni skribu legeble nomojn kaj antaŭnomojn de ĉiuj aliĝantoj.

**Karavanoj:** ĝis nun estas anoncitaj el Warszawa, Łódź kaj Radom.

---

**Ĉiu alvenonto** estos renkontita en stacidomo ĉe esperanta tabulo (en atendejo de II kl.) Tie tuj estos donataj plej necesaj informoj.

**Kongresejo:** Kino „PALACE" str. Szpitalna Nr. 11.

**Vivkostoj:** Lublin apartenas al la plej malmultekostaj urboj en Polujo. Ĉi tie oni povas bone vivi por 3 zł. tage. Precizaj informoj kaj adresoj de malmultekostaj manĝejoj estos donataj en informejo. En akceptejo ĉiu kongresano povos ricevi tre bongustan kaj abundan tagmanĝon por 1.50 zł., vespermanĝon por 1 zł.

**Loĝejoj:** Ĉambro por 1 persono kaj por 1 noktotago en hotelo kostas de 3 ĝis 7 zł. Ĉambro en privata domo ĉe familio kostas 1.50 ĝis 3.50 zł. kun matenmanĝo. Por la plej malriĉaj kongresanoj estos disponeblaj dekkelkaj senpagaj loĝejoj.

**Ekzamenoj:** aranĝitaj de Pollanda Esp. Instit. okazos dum la kongreso.

**Grava peto:** L. K. K. afable petas ĉiujn seriozajn gesamideanojn sendi al ĝi proponojn kaj sugestojn por kongres-diskutoj. — Ankaŭ ni petas ĉiujn bonvolemajn gesamideanojn jam nun sendi kongreskotizon. Tio multe helpos L. K. K. kaj pliriĉigos programon.

**Programo:** Ĝi estas en peparo kaj aperos en oficiala komuniko de L. K. K. Nr. 3. Ĝi antaŭvidas paroladojn de S-ro Dr. A. Czubryński (Mława), S-ro J. Zawada (Warszawa), de S-ro Gerszater (Wilno), tri laborkunvenojn de ĉiuj Kongresanoj, specialajn kunsidojn de P. E. D., de U. E. A. de T. E. K. A. de P. E. A., de mezlerneja junularo, radio-amantoj, laboristoj, esp. kabaredon, koncerton, vizitadon de urbaj vidindajoj, dancvesperon kaj elekton de „Miss Esperanto" por Polujo k. c.

**LOKA KONGRESA KOMITATO**
**DE V. TUTPOLLANDA KONGRESO ESPERANTISTA EN LUBLIN.**

| Prezidanto: | Afergvidanto: | Sekretario: |
|---|---|---|
| **L. Leszczyński** | **Czesław Pruski** | **Ado Zorkraut** |

---

Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss, Kraków.

Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, ul. Stolarska 6.

**DANKON!**

Ni esprimas nian tutkoran dankon al gesamideanoj de **Bialistoka Zamenhofa S-to** kaj speciale al ĝia Prezidanto est. s-ano **J. Ŝapiro** kaj sekr. S. **Jabłoński** por ilia amika akceptado kaj gastemeco niajn geekskursantojn dum pasigita Pentekosto en **Białystok.**

S-ano S. Szyk

**gvidanto de esper. grupo de**

**Vilna Juda Landkonema (Turista)** S-to.

---

„FOTOGRAFISTOJ! — Mi turnas min al ĉiulandaj profesiuloj, amatoroj kaj interŝanĝantoj de fotoj kun afabla peto pri senprokrasta registriĝo ĉe la subskribinto. Celata estas: eldono de adresaro, starigo de internacia organizo, kreo de fotografa terminaro, fondo de foto-revuo. — **Włodzimierz Pfeiffer, Delegito de UEA, Księgarnia Fiszera, Łódź, Polujo**".

---



---



---

---

Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.

**Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, Stolarska 6.**